5/1999
Auxgusto/Septembro
Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a.




**Du und Deine Welt**

Semajnfina seminario pri tradukado dum 12-a/13-a de Junio ne okazis. Sed certe okazos la granda konsumekspozicio kaj kiel kutime Esperanto tie estos prezenta de la 28a de Auxgusto gxis la 6a de Septembro de la 10a gxis la 18a horo, Jxauxde gxis la 20a horo. Se al vi ne eblas helpi, vi tamen estas kore invititaj viziti nin en *Messehallen*, halo 4.

| **Enhavo** | **Editorajxoj** |
|---|---|
|  | Redaktofino de<br>n-ro 6/99: 16-09-1999<br>Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*<br>Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg<br>Tel/Faks: +49 40 250 30 65 |

| | |
|---|---|
| 8. Ida Jasker mortis<br>9. Aperis: Granda Vortaro Esperanto-germana | Prezidanto: Jürgen Wulff<br>http://www.juergenwulff.de<br><br>Redaktoro: Frank Merla<br>http://members.aol.com/MerlaFrank |
| La HES Klubejo estas malfermita Jxauxde ekde 19:00 h.<br>Programo: 20:00 h.<br>GIS: kunvenoj lauxbezone;<br>Informoj:<br>Tel. (040) 58 71 82 aux 738 45 08 | Das Haus des Esperanto Vereins Hamburg ist geöffnet donnerstags ab 19:00 Uhr.<br>Programm: 20:00 Uhr<br>GIS: Zusammenkünfte nach Bedarf;<br>Information:<br>Tel. (040) 58 71 82 oder 738 45 08 |

**Karaj legantoj!**

La prezidanto havas novan adreson, telefonnumeron, faksnumeron,e-posxtan-adreson:
Jürgen Wulff
Wandsbeker Chaussee 185 b
22089 Hamburg
tel. 040 / 6891 59 01
faks 040 / 6891 59 02
e-posxto: post@juergenwulff.de

**Proponojn por la programo**
de la klubvesperoj kiel kutime estu donataj al Benno Klehr, Oelkersallee 31, 22769 Hamburg.

Enhavo

---

**Sentenco**

Cxiuj homoj estas sagxaj,
kelkaj antauxe
aliaj poste.

Nekonata auxtoro

Enhavo

---

**80 jarojn Esperanto en Rendsburg, renkontigxo kun danaj geamikoj**




Foto kaj teksto: Hella Lanka

La Esperanto-geamikoj en Rendsburgo festis la 80-jaran jubileon kaj la 800-jaran Rendsburgan urbojubileon.

Kompreneble estis tre bona okazo, arangxi Esperanto-renkontigxon kun la najbaraj danaj Esperantistoj, kiuj ankaux logxis en la sama hotelo, en kiu estis organizita la tuta Esperanto-programo. S-anino *Wilma Lehmann* zorgis por cxiuj partoprenantoj, por la ekskursoj, vizitoj, komunaj arangxoj, mangxoj, prelegoj ktp.

Vendrede okazis la akcepto cxe la urbestro, solena malfermo de la internacia renkontigxo kaj festmenuo. Sabaton ni povis viziti la muzeon por la gazetara servo. Post la tagmangxo ni komune veturis per du grandaj kalesxoj tra la vidindajxoj de Rendsburgo al la celo. En la kafejo cxe la Rendsburga fervoja pontego ni povis varmigi nin per kaftrinkado. Estis tre malvarme en Rendsburg por tiel nomataj tagoj de "sxafo-frosto". Cxe la kafejo estis la kluzo kun la bonvenigejo de la sxipoj sur la kanalo, kie la kapitano salutis la preterveturantajn sxipojn per la himnomuziko kaj kun teknikaj klarigoj pri la sxipoj. Dum la kaftrinkado ni disdonis al la aliaj gastoj verdajn slipojn kun la indiko pri la dimancxa festparolado, kiun intencis paroli en germana lingvo s-ano *D-ro Werner Bormann*. Sed dimancxon antauxtagmeze bedauxrinde nur venis unu gasto el Rendsburgo. La tradukon de la sxangxita Esperanto-prelego de *D-ro Bormann* transprenis *Wilma Lehmann* por la gasto. Post vigla diskutado ni ankaux povis rigardi multajn Esperanto-librojn, kiujn s-ano *Pachter* metis sur la tablojn, same kiel sabate vespere.

Post la tagmangxo bedauxrinde venis la tempo por adiauxo. La danaj Esperanto-geamikoj gxuis la tri germanajn tagojn kaj dankis pro la ampleksa prizorgado, kiun organizis *Wilma Lehmenn*.

Enhavo

---

## Ekskurso de la nordgermanaj Esperanto-fervojistoj al Lauenburg

Preskaux cxiumonate renkontigxas la Esperanto-fervojistoj la duan sabaton inter la 10-a kaj 12-a horo en la stacidomo Altona.

Escepton ni faris Sabaton, la 19-an de Junio, kiam ni komune ekskursis al Lauenburg. Cxiuj Hamburgaj Esperanto-geamikoj estis invititaj kunveturi kun la fervojistoj dum brila vetero per buso aux trajno al la bela urbo Lauenburg. Cxe la bushaltejo Lauenburgo renkontigxis dek gesamideanoj kaj promenis tra la malnova parto de tiu-cxi cxarma urbo. Kelkaj grimpis al la pinto de la runda turo, kiu iam estis malliberejo kaj magazeno por pafiloj. Dum la promenado ni preterpasis la grandan japanan arbon, nomita “Gingko-Baum”. Cxe la Elbe-bordo ni gxuis belegan elrigardon. Post la vizito en la malnova pregxejo ni atingis la restauracion “Elbe-Terrassen” por ripozi kaj tagmangxi. Posttagmeze ni vizitis la interesan muzeon por sxipkonstruo kaj navigacio. Dum tiu-cxi varmega posttagmezo ni gustumis glaciajxon, kiun s-ano *Klaus Böhnke* bone organizis. Domagxe estis, ke ne pli multaj HES-klubanoj partoprenis tiun-cxi travivajxon. Ni proponis, ke ni ripetu similan ekskurson kun la Esperanto-fervojistoj kaj kun la Hamburgaj Esperanto-geamikoj al la najbaraj urboj kun la vidindajxoj.



Foto kaj teksto: *Hella Lanka*

Enhavo

---

### Programo de HES

| Auxgusto | Septembro |
|---|---|
| **5** sen speciala programo | **2** **Klubaj aferoj**:<br>Jxustagaj impresoj de la stando cxe „Du |

| | |
|---|---|
| **12 Klubaj aferoj**<br>Informkonsiloj por la ekspozicio „Du und Deine Welt“<br><br>**19 Mariko Aoshima kaj Gerald Roemer:**<br>Kultura cxefurbo Weimar<br><br>**24 Klubaj aferoj:**<br>Preparoj por „Du und Deine Welt“ | und Deine Welt“<br><br>**9 Jan-Christoph Hienerwadel:**<br>Vojagxo al gxemela urbo Osaka<br><br>**11** Schnupperkurs Esperanto, 15a - 18a horo<br><br>**16 Hella Lanka:**<br>Lumbildoj pri la UK en Berlino<br><br>**23 Video:**<br>Mazi en Gondolando<br><br>**30** sen speciala programo |

Enhavo

---

### Pri la Mazi-video

Vi eble rimarkis ke ni unufoje en la monato montras lecionon el la Mazi-video-kurso. Tio kurso estas bona ebleco por komencantoj, relernantoj kaj interesuloj (re)fresxigi siajn Esperanto-konojn. En Julio ni vidis lecionon 3 kaj poste lernis pri la nomoj de diversaj korpopartoj. Ankaux en la venontaj monatoj vi trovos tiun eron en la programo kaj vi estas invitita partopreni, kungxui kaj kunlerni...

### Über das Mazi-Video

Vielleicht haben Sie es schon bemerkt - einmal im Monat zeigen wir eine Lektion aus dem Mazi-Videokurs. Dieser Kurs ist eine gute Gelegenheit für Anfänger, Wiedereinsteiger und Interessierte, die Esperanto-Kenntnisse aufzufrischen. Im Juli zeigten wir Lektion 3 und haben danach die Namen der verschiedenen Körperteile gelernt. Auch in den kommenden Monaten werden Sie diesen Programmpunkt finden und Sie sind eingeladen mitzumachen, mitzugenießen und mitzulernen...

Enhavo

---

### Karaj gesamideanoj, karaj vizitantoj de la UK Berlino!!

Hamburgo - post Berlino la due plej granda urbego de Germanio - atendas antaux kaj post la Universala Kongreso multajn eksterlandajn gastojn. Kelkaj jam anoncis sin, sed ni ankauxestas preparitaj por spontanea decido, do ne hezitu (sxangxi vian vojagxplanon) kaj venu al Hamburgo!

Hamburga Esperanto Societo (HES) sin preparis por la espereble multnombraj geesperantistoj, kiuj venos rigardi nian belegan urbon: la havenon apud la centro kaj la riveron Elbe, la grandan lagon Alster en la centro, la vidindajxojn kaj mirinde multe da verdajxoj cxie en la urbo. Nia klubo havas longan tradicion en la Esperanto-movado, en Majo ni festis nian 95-an jubileon, ni hamburganoj jam havis la plezuron gastigi la Universalan

Esperanto-Kongreson en 1974. Ni volas denove montri nian gastamon ofertante specialan servon:

Cxirkaû dek tagojn antaux kaj dek tagojn post la kongreso

- Ni peros al vi privatajn tranokteblecojn cxe geesperantistoj. Ne nur membroj de Pasporta Servo, sed multaj aliaj en tiu tempo ankaux pretas senkoste aux je tre modesta pago disponi liton kaj matenmangxon.

- Ni akompanos kaj cxicxeronos vin en Hamburgo.

- Ni sxatus saluti vin dum niaj regulaj kunvenoj cxion jauxdon ek de la 19-a horo.

Tiu arangxo ne estos renkontigxo, tamen vi havos la eblecon renkonti esperantistojn de Hamburgo - kaj el multaj partoj de la mondo. Cxar temas pri privataj ofertoj, kaj la tranokteblecoj estas limigitaj, vi devos interkonsenti kun ni. Ni provos atentigi pri via lingvonivelo, la agxo, pri viaj deziroj rigardi aux ekkoni ion specialan.

Organizanto estas flanke de la HES-estraro: Gerald Roemer, Lutterothstraße 17, 20255 Hamburg, telefono (040) 491 71 94 (kun auxtomata respondilo), rete: Geroemer@t-online.de Gerald Roemer cxeestos la UK - kongresa numero 1536. Sub tiu adreso kaj dum la UK vi ankaux atingos *Mariko Aoshima* - kongresa numero 1515. Cxe la rendevua tabulo de la UK laboras hamburganinoj: *Sylvia Pöhlmann* kaj *Jutta Sültz*. Cxe ili vi povas lasi mendon.

Do gxis baldaux: Bonvenon al Hamburgo!!

Gerald Roemer

Enhavo

---

**10 jaroj gxemelrilato Osaka kaj Hamburg**

Kiel vi scias eble, komence de Septembro okazos en Hamburg la memoriga entrepreno por festi 10 jaran gxemelrilaton inter Hamburg kaj Osaka, intersxangxante kulturajn eventojn inter ambaux urboj. En Osaka jam en Majo oni povis gxui multajn Hamburgajn urbajn kulturajn agadojn. Kaj kiel unu el multaj ekspozicioj aux eventoj Osakaj, vi povos ankaux gxui ekspozicion de unu el tre japanecaj artajxoj, Haiga, kiu estas tre fajna pentrajxo por la japana tradicia mallonga poezio Haiku.

Kaj estas gxojinde sciigi ke unu el tre konataj tiurilataj artistoj kaj ankaux unu el la fondintoj de Kansaja Ligo de Esperanto-Grupoj (KLEG), s-ino *KITA Satori* montros siajn kelkajn majstrajxojn de Haiga en la ekspoziciejo „Leo-Lippmann-Saal“ ekde la 2a gxis la 14a de Septembro.

Osaka Esperanto Societo (OES)

„Leo-Lippmann-Saal“ trovigxas en la domo de *Finanzbehörde* cxe *Gänsemarkt*.

Enhavo

## Ida Jasker mortis



Dum multaj jaroj Ida Jasker estis fidela membro en nia klubo. Sxi naskigxis la 20an de Novembro 1908 en Ellerbek kaj en la lasta jaro ankoraux povis festi sian 90jaran datrevenon en nia klubejo en bona sanstato. Kiam sxi cxeestis klubvesperojn sxi radiis belan etoson kaj vigligis la rondojn per platdicxaj poemoj kaj historietoj.

Neatendite sxi mortis la 6an de Julio 1999. Ni perdis grandaniman kaj donaceman membron kun lumo en la koro. Certe sxi ricevis honoran lokon en la cxielo kaj nun rigardas nin per la konata rideto. Ida, dankon pro via amo, ni ne forgesos vin.

Frank Merla

Enhavo

---

## Aperis: Granda Vortaro Esperranto-germana

Jxus aperis la supozeble gxis nun plej granda iam ajn eldonita vortaro Esperanto-nacia lingvo. La prestigxa lingvistika eldonejo Helmut Buske Verlag Hamburg aperigis „Großes Wörterbuch Esperanto-Deutsch“ de *Erich-Dieter Krause*. La 882-pagxa, etlitere kaj dense presita vortaro enhavas pli ol 80 000 artikolojn kaj lingvajn esprimojn en Esperanto kun siaj germanaj ekvivalentoj. La vortaro havas dulingvajn antauxparolon, instrukcion pri la uzo de la vortaro, listojn de mallongigoj kaj uzita literaturo. La lingva materialo konsiderinde superas tion de la Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto (PIV). La Vortaro ne nur registras la cxiutagan lingvon, sed ankau prezentas multan faklingvan materialon el plej diversaj sciencaj kampoj. La vortaro sendube estas utilega ankau por nekonantoj de la germana lingvo.

La auxtoro estas unu el la malmultaj profesie trejnitaj leksikografoj, pri kiuj disponas la esperanta leksikografio. Li estas profesoro pri indonezia lingvo cxe la Universitato de Leipzig, membro de AdE. Li verkis i.a. ampleksan vortaron Germana-Esperanto (pli ol 40 000 artikolvortoj) kaj grandajn vortarojn por la indonezia lingvo.

La libro estos havebla kontraû 68 markoj dum (kaj gxis) la cxi-jara UK (cx. 34 euxroj). Post la kongreso gxi estos havebla kontraux cx. 40 euxroj cxe UEA kaj aliaj gravaj libro-servoj. Oni ankau povas rekte mendi cxe la eldonejo: Helmut Buske Verlag, Richardstr. 47, DE-22081 Hamburg, tel. +49-40-299958-0, fakso: +49-40-299958-20, retadreso: buskepubl@aol.com

Jen la kompleta titolo: Krause, Erich-Dieter (1999): Großes Wörterbuch Esperanto-Deutsch. Hamburg: Helmut Buske Verlag, IVX + 882 p.

Detlev Blanke

## Aus unserer Bibliothek

In unsere Bibliothek kommen neue Bücher regelmäßig hinzu. So zum Beispiel das Große Wörterbuch Esperanto-Deutsch von *Ernst-Dieter Krause*, das Mitte Juli 1999 im Buske-Verlag erschienen ist. Es ist das umfassendste und modernste seiner Art, das bislang für den deutschen Sprachraum erschienen ist. Auf 880 Seiten hat Dr. Krause die Früchte seiner 30jährigen Forschungs- und Sammeltätigkeit zusammengetragen - und jetzt in unserer Bibliothek zu finden.

Jürgen Wulff

Enhavo

Re al Esperanto en Hamburg